# ★ ESPERANTO ★

OFICIALA ORGANO DE LA ★ UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO ★

Duonmonata Internacia Gazeto

ABONO

Unu Jaro . . . . ₷. 1.60 (4 frankoj).

Oni abonas ĉe la Administrejo
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Svisujo)
aŭ ĉe la lokaj agentoj

DIREKTORO :
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)




## La Konkursoj de U. E. A.

Por la plenumo de sia celo, nia Asocio, per siaj Delegitoj kaj ĉiufakaj Konsuloj jam entreprenis diversajn klopodojn sur la praktika kampo. Por ke la penadoj de niaj kunhelpantoj estu rekompencataj laŭ la mezuro de niaj remedoj, ke ĉiuj iniciatoj kaj praktikaj realigoj estu instigataj ke ĉiuj projektoj kaj ideoj rilatantaj nian celon havu la eblecon esti konataj kaj utiligataj al nia komuna laboro, por ke unuvorte regu inter niaj diversfakaj kunlaborantoj kaj simplaj membroj laŭdinda kaj fruktoriĉa stimulo, ni opiniis, ke nenio estas pli taŭga, ol la organizo de **konkursoj** pri praktikaj temoj. Per tiuj konknrsoj ni celas rekompenci, aŭ pli ĝuste konstati tiom novajn ideojn kiom la praktikajn provojn de niaj klopodoj.

En la proksima Nº, ni priparolos detale la konkursojn de U. E. A. kaj konigos la kondiĉojn necesajn por partopreni en ili. Ni hodiaŭ nin limigos al simpla klarigo pri ilia ĝenerala organizado kaj cito de kelkaj el iliaj temoj.

Kiel dirite, ni celas antaŭ ĉio konstati en ia videbla maniero tion, kio jam ekzistas kaj konigi tion, kio pli ĝuste respondas la praktikajn plej urĝajn bezonojn. Unu el la fundamentoj de nia tuta organizaĵo estas *Esperanto-Oficejo*. En ĉiu urbo ekzistu tia ejo, ĉe kiu estas alcentrigita ĉio, kio koncernas Esperanton kaj U. E. A. en sama urbo. De la bona organizado de tia Oficejo dependas grandaparte la prospereco de nia afero en iu loko. Nia unua konkurso estos do : **Pri la plej bone organizita Esperanto-Oficejo ?**

Tre utila estas ankaŭ, kiel ni jam ofte rimarkigis, ke la vojaĝantaj Esperantianoj povu ĉe sia trapasado en ia urbo ricevi per gvidfolio senpage donacata en la Esperanto-Oficejo precizajn informojn pri la lokaj Esperantistaj institucioj, kunvenoj de la grupo, nomoj de la delegito kaj liaj helpantoj kaj pri la urbaj ĉefaj vidindaĵoj. Per tia gvidfolio la restado de la vojaĝanta Esperantisto povas esti multe pli faciligita. La celo de nia dua konkurso estos : **Pri la plej praktika gvidfolio ?**

En sama rilato Esperanto kaj U. E. A. bonege taŭgas por diskonigi ĉiulanden tian aŭ alian regionon rimarkindan laŭ la turisma vidpunkto. Por ĉi tiu celo jam diverslokaj grupoj instigis la lokajn societojn al la eldonado de Esperante redaktitaj allogantaj gvidlibroj kiuj liveris tre bonajn rezultatojn, tiom pli, ke de nun dank'al la speciala servo starigata de U. E. A. tiuj gvidlibroj povos esti senpage disdonacataj de niaj Delegitoj aŭ iliaj helpantoj en ĉiuj landoj kaj tiamaniere efike konigi la regionon, kiun ili priskribas. Krom tio, tiaj verkoj bonege pruvas la praktikan signifon de nia lingvo kaj, elmontritaj kaj ĉie diskonigitaj, povas kaŭzi, ke multaj societoj eldonos tiajn Esperantajn diskonigilojn. Konsekvence nia tri konkurso estos : **Pri la plej bela Esperanta gvidlibro ?**

En fako Komerco & Industrio, ni penos, ke ĉiu Konsulo por komerco sendu al ni je definitaj epokoj resuman raporton pri la movado de komerco kaj industrio en sia regiono (movado de l'importaĵoj kaj eksportaĵoj, foiroj, ekspozicioj, movado de la salajroj, k. t. p.). Tiuj raportoj pli bone ol ĉio pruvos la utilecon de U. E. A. el vidpunkto de komerco kaj estos uzeblaj por konigi U. E. A. al la interesataj rondoj. **La plej bone verkita raporto pri Komerco kaj Industrio** estos la temo de alia nia konkurso.

Tiuj diversaj konkursoj estas difinitaj ĉu por niaj Delegitoj, Subdelegitoj kaj iliaj helpantoj, ĉu ankaŭ por la grupoj, societoj kaj privatuloj, speciale pri tio, kio koncernas la eldonadon de gvidlibroj kaj gvidfolioj. Sed en la celo interesi al nia agado kiel eble plej multajn el niaj membroj, doni al ĉiuj la eblecon konigi iliajn ideojn kaj praktikajn projektojn realigeblajn en la nuna stato de U. E. A., ni intencas malfermi konkurson en kiu povos partopreni ĉiuj Esperantianoj : **Pri la plej praktikaj proponoj por disvastigi U. E. A. kaj pligrandigi ĝian utilecon.** Pli bone ol ĉiu, Esperantiano povas juĝi kion bezonas U. E. A. por esti al li vere utila, kio al ĝi mankas kaj laŭ kiu direkto ĝi devas pli speciale agadi por plifortikiĝi. Malofte ĝis nun simpla samideano povis publike konigi siajn projektojn pri nia afero, tiom pli, ke eĉ se ili estis bonegaj, mankis internacia organizaĵo por ilin efektivigi. Tiu manko estas nun forigita, sed U. E. A. povas prosperi nur dank'al la kunlaborado de ĉiuj siaj amikoj, kiu montriĝos ne nur per tio ke ĝiaj reprezentantoj penos realigi tion, kion ili decidis laŭ la propono de sia estraro, sed ankaŭ per tio, ke ĉiuj membroj, konsciantaj pri la graveco de nia tasko, laŭeble partoprenos en ĝi elmetante laŭ sia sperto, difinitajn kaj praktikajn projektojn, kiuj poste povos laŭleĝe enkondukataj laŭ tio, ke ili respondos al sentitaj bezonoj.

Kiel sankcion de diversaj konkursoj, ni intencas starigi **monpremiojn**. Por tio ni dediĉos al tiuj monpremioj ĉiujn sumojn, kiujn U. E. A. ricevos el la malfermita konstanta monoferado. La plej malgrandaj donacoj estos danke akceptataj kaj estos difinitaj al unu el la konkursoj, kiun montros la donacinto. Plie, ĉiu premio kreata per unu sola donaco (10 ₷ minimume) ricevos la nomon de la donacinto. Ni ankaŭ plezure ricevos monpremiojn por novaj konkursoj, kies temoj estos elektataj de la donacontoj, memkompreneble laŭ la agadkampo de U. E. A.

Ni alvokas al ĉiuj niaj samideanoj por ke ili bonvolu partopreni en tiu grava entrepreno, unuafoje farata sur la Esperantista praktika kampo, kaj de kiu povas rezulti multe da bono kaj utileco por nia Asocio kaj pli ĝenerale por nia tuta movado [1]).

En nia proksima Nº, ni konigos la detalajn kondiĉojn rilatajn al la organizado de la diritaj konkursoj kaj esperas, ke dank'al la helpemeco de niaj samideanoj kaj Esperantistaj organizaĵoj, ni povos proponi ŝatindajn monpremiojn al la donacontoj.

U. E. A.

⁂

La supraj linioj estis jam verkitaj, kiam, post diversaj klopodoj, ni havas la plezuron anonci, ke, kiel dirite pli sube [2]), la kreota U. E. A.-fako, dediĉota al *Aerveturado* siaflanke organizos pri tiu temo, tiel altsignifa por la plifaciligo de la intergentaj rilatoj, *konkursojn*, por kiuj dank'al la malavareco de S-ro Schwob, ni difinos gravajn monpremiojn. La kondiĉoj de ĉi tiu ĉefgrava konkurso, memkompreneble intime ligitaj kun Esperanto, estos tre baldaŭ publikigataj kaj per niaj Delegitoj konigataj en la nacia gazetaro. Sen ia dubo tiu entrepreno, kiu okazas ĝustatempe, alportos unuflanke ŝatindan antaŭenpuŝon al nia tuta afero kaj helpos al tio, ke la aerveturada demando estu fine metata sur la vera kampo, nome la kampo internacia.

[1]) Ĉiuj donacoj estu sendataj al U. E. A.-fako : Financoj, Esperantio, Beaune (Francujo), kun la cito de la konkurso por kiu ili devas esti difinotaj. Ĉiu donacoj da pli ol 10 ₷ estos dediĉataj al premio de konkurso ; tiu konkurso ricevos la nomon de la donacinto, kiu laŭ nia regularo, aliparte, fariĝos per tio bonfaranta membro de U. E. A.

[2]) Vidu paĝon 3an.

## TRA LA MONDO

### AŬSTRIO [1])

Praha, Novembro 1908.

*Kelkaj klarigoj pri la okazintaĵoj en Praha.*

⁂ En fremdlanda gazetaro aperas ĉi-tiujn tagojn oftaj raportoj pri okazintaĵoj, kies scenejo estas Praha, ĉefurbo de reĝolando Bojemujo. En tiuj ĉi informoj la situacio en Praha estas pentrata tiel, kvazaŭ Germanoj en Praha loĝantaj kaj reprezentantaj sole 7,2 % de tuta loĝantaro estus elmetitaj je ĉia subpremado kaj kruda perforto, per kiuj persekutas ilin la incititaj amasoj da bohema popolo. Vere, Praha estis en monato oktobro scenejo de manifestadoj, kio cetere en grandaj urboj estas nenia speciala aperaĵo. Sed la manifestadoj en Praha estas eĥo de streĉitaj politikaj rilatoj, ekregintaj en Bohemujo, en lando loĝigita dutrione de nacio bohema, unutrione de Germanoj, kiuj okupas regionojn tuŝantajn limojn de germana imperio kaj kiuj nur dise vivas en kelkaj urboj de teritorio tute bohema (ekz. en Praha).

Bohemoj jam de multaj jaroj klopodas, ke lingvo bohema estu en tiu ĉi tuta lando egalrajta al lingvo germana en oficoj. Aŭstria politiko ĉiam en Bohemujo eraradis favorante lingvon germanan je malprofito de la bohema. Germanaj politikistoj jam de pli longa tempo sisteme laboradas por ĉiel limigi rajtojn de bohema lingvo en Bohemujo. Kun Germano traktas la oficoj kaj juĝantaro en tuta Bojemujo en lia gepatra lingvo, sed al Bohemoj ili tiun ĉi rajton rifuzas. Lingvaj ordonoj de Aŭstria ministro enkondukis ankaŭ tiun ĉi sole eblan staton en Bohemujo, kiu donis kiel al Bohemo tiel al Germano la rajton, ke oni traktu kun li ankaŭ oficoj kaj juĝantaro en lia gepatra lingvo. Juĝistoj en germanaj regionoj de Bohemujo, aŭ en regionoj miksitaj, kie Bohemoj estas pli aŭ malpli multaj, rifuzadis akcepti oficialajn, boheme verkitajn skribojn, proklamadis lingvon boheman en sia distrikto kiel nekutiman eĉ kiel fremdan, kaj deklaris senescepte lingvon germanan kiel sian lingvon oficialan. La registaro rilatadis tion inercie malgraŭ la bohemaj protestoj timante politikan forton de Germanoj en Aŭstrio.

Je parto bohema vekadis tiu ĉi maljusta procedado de oficoj en germanaj aŭ miksitaj regionoj grandegan indignon. Sed dum tio la bohemaj juĝistoj kaj oficistoj en regionoj tute bohemaj devis plej skrupule respektadi ankaŭ la rajtojn de lingvo germana. Oni devas ankaŭ konsideri, ke oficoj de unu kaj sama lando estas memkompreneble en konstanta interrilato, neatentante tion, kiu lingvo en tiu aŭ alia ĝia teritorio superas. Komercistoj en bohemaj regionoj rilatas kun firmoj en teritorio germana, juĝantaroj devas plenumadi siajn jurajn aferojn ; en germanaj urboj loĝas pli malpli multe da Bohemoj kaj kontraŭe, kio estas memkomprenebla en la sama lando por fluado de loĝantaro.

Al tiu ĉi ekscitiĝo de bohema loĝantaro pro malrespektado de rajtoj de bohema lingvo aliĝis ankoraŭ aliaj faktoj. En germanlingvaj urboj Cheb (Eger), Hašperské Hory (Bergreichstein) k. t. p., estis aranĝitaj kontraŭ Bohemoj manifestadoj, ĉe kiuj la bohema loĝantaro estas atakata, ilia havaĵo detruata kaj iliaj societaj domoj ruinigitaj ; jus en tiu momento la bohema parlamento malfermis siajn kunsidojn. Germanaj politikistoj penadis rompi traktadon de tiu ĉi parlamento, kiel ili entute klopodas, kiel eble plej multe malfortigi ĝian signifon kaj fari ĝin senpova, ĉar ili reprezentas en ĝi malplimulton. Ili kaptis kiel pretekston aferon tute bagatelan — ke oni ne plenumis ilian postulon pri alpreno de ankoraŭ unu germana aktaro al parlamentaj kunsidoj. Ili ekobstrukcis. Per kriado kaj perfortaj agoj ili plene rompis pluan traktadon de parlamento, kiu estis plenumonta gravajn taskojn, kiel ekz. korekton de balota regularo ; ĉe tio ili admonadis la registaron, ke ĝi fermu la parlamenton ; post tumultaj scenoj de obstrukcado la registaro ilin obeis.

Bohemaj ministroj (ministro por naciaj aferoj Prášek kaj de komerco Dr. Fiedler) oficantaj en Wien'a ministraro vane kontraŭ tio protestis. Post la fermo de la parlamento ili prezentis eksiĝon. La rompo de parlamenta agado per germana obstrukco elvokis ne sole en Praha, sidejo de parlamento bohema, sed ankaŭ en tuta Bohemujo inter bohema popolo novan ekscitiĝon. Tion ĉi Germanoj atendis, ĉar ili deziris, ke en Praha tiu ĉi ekscitiĝo eksplodu en malpacojn por ke la registaro havu kaŭzon al severegaj aranĝoj kontraŭ Praha. Sed ĉiuj politikaj partoj bohemaj admonadis la popolon al trankvilo, kiu ankaŭ estis konservita. Sed la germanaj politikistoj trovis alian rimedon por inciti la boheman loĝantaron. Germanaj studentoj komencis manifestadajn promenadojn kun societaj ĉapoj kaj siaj naciaj koloroj (tiel nomatajn „ bumlojn ” ) Ili „ bumladis ” en ĉefa strato de Praha („ Trikspy ”, laŭvorta traduko : fosaĵo, germ : graben) kie troviĝas germana domo, centro de Germanoj en Praha. Tio ĉi elvokis ekscesojn inter germanaj studentoj kaj bohema loĝantaro. Ni atentigas refoje, ke Germanoj en Praha faras 7,2 % de tuta loĝantaro kiu kalkulas kun antaŭurboj pli multe ol duonon de miliono. Sed en tiu ĉi fragmento de germana loĝantaro superas plejparte hebreoj, kiuj ankaŭ en Aŭstrio same kiel en la tuta mondo, aliĝas al reganta partio. La tumultoj ripetiĝis, kiam la oficoj malgraŭ ĉiuj alvokoj el bohemaj sferoj ne malpermesis bumlojn de germanaj studentoj. Germanoj profitis ĉi tiujn momentojn kaj insiste admonadis la registaron, ke ĝi voku militistaron por ilia protekto kaj ke ĝi proklamu en Praha la esceptan staton. Refoje la registaro plenumis ilian postulon kaj elsendis en stratojn de Praha ĝendarmojn kaj soldatojn. Per tio la fermentado inter loĝantaro de Praha kreskis tiom pli rapide. La registaro, trompita per falsaj informoj de germanaj politikistoj, jam minacis katenigi Prahan per escepta stato. Ĝi refuzadis malpermesi bumlojn de germanaj studentoj montrante ke ĝi estas ilia „ historia kutimo ” (?), kaj ke ĝi ne povas limigi personan liberecon. Tiun ĉi „ kutimon ” ĝi ne volis foriĝi eĉ se ĝi devus okazi sole por kelka tempo, kiam pasus la emocio vekita per studentaj manifestadoj ; sed kontraŭe ĝi ne ŝanceliĝus senigi duonmilionon da loĝantoj je ŝtatana libereco kaj konstitucia rajto. Bohemaj politikistoj trovis, ke Germanoj celas sole tion, ke nepre estu proklamita super Praha escepta stato kaj ke ĝia nacia vivo estu subpremita, kaj tial ili instigadis ĉiuforte la loĝantaron, ke ĝi invitu incitojn de germanaj studentojn kaj sin tenu kviete. Kaj Praha trankviliĝadis. Por ŝirmi la „ malnovajn kutimojn ”, bumlojn, estas preparitaj eksterordinaraj aranĝoj militistaj kaj policaj. Kontraŭ bumloj protestas eĉ la germanaj komercistoj en Praha kaj ili elsendis deputitaron al prezidanto de ministraron atentigante pri ruiniĝaj sekvoj de tiaj incitoj por movado komerca. En neniu alia ŝtato estus ebla, ke areto da homoj instigadata de senkonsciencaj politikistoj tenu 500 000 da loĝantaj ekscititaj. La momentoj, kiujn travivis Praha, estas nur unu el simptomoj de tia premiga situacio, dum kiu la nacio bohema estas devigata defendadi siajn politikajn kaj naciajn rajtojn.

La manifestadoj en Praha ne naskiĝis per obstine de ĝia loĝantaro, sed ili estas sekvo de senprudenta politiko.

K. Prochazka.

[1]) La aŭtoro de nia lasta korespondaĵo el Praha petas nin korekti preseraron en lia artikolo en Nº 43 : En Praha estas 7 % da germanoj, ne 2 %.

[1]) Pri la sama temo jam aludita de nia kutima korespondanto, ni publikigas, sen respondeco, informojn de Prahaj Esperantistoj senditajn al diversaj fremdaj gazetoj por korekti neĝustajn sciigojn pri Praha.

### BRITUJO

Londono, Novembro 1908.

*Senlaboruloj. — Projekto de leĝo kontraŭ la trinkejoj.*

Jam de kelkaj monatoj, grava komerca kaj industria krizo kruele trafis centmilojn da homoj, kies solaj vivrimedoj estas almozpeti dum ilia marŝado de urbo al urbo. Ĉiutage tra tuta Britujo, tiu armeo de senlaboruloj pligrandiĝis kaj fine fariĝis minacanta por la publika paco, tiel ke dum la lastaj semajnoj, ĉiuj aŭtoritatuloj urbaj kaj registaraj, eĉ kelkaj privataj industriistoj sin ekinteresis pri tiuj malfeliĉuloj. Ankaŭ la membroj de la Parlamento sin okupis pri ili, kaj unu inter tiuj honoruloj, S-ro Grayson, riprezentanto de la Laborista Partio, estis forjetita el la Deputatejo pro liaj interrompoj kaj lia rifuzo aŭskulti la paroladojn de siaj kunfratoj antaŭ ol estos diskutitaj la situacio de la malsatuloj kaj la rimedoj uzotaj por ilin helpi.

La Londona urbestraro estis la unua aŭtoritatularo kiu decidis havigi laboron al la dezirantoj kaj tial decidis entrepreni la elektriĝon de la tramvojoj, la konstruadon de nova urba halego, kaj la plibeligon de la parkoj. 3,000,000 ₷ ĉirkaŭe estos necesaj por tiuj entreprenoj kaj profitos al kelkaj miloj da laboristoj dum la tuta vintro.

La registaro, per sia ĉefministro ankaŭ faris proponojn, kiuj cetere estis unuvoĉe akceptitaj de la parlementanoj.

Jen ili estas : La registaro proponas duobligi la sumojn uzitajn la antaŭajn jarojn por helpi la senlaborulojn dum la vintro. La marista administracio dungos 2.000 novajn laboristojn por ripari la diversajn kajojn en la havenoj. La milita administracio varbos 24,000 novajn soldatojn de novembro ĝis marto 1909. La poŝtoficestroj laborigos dum la Kristnaskaj festoj 8,000 pliajn virojn. Oni komencos ĉi tiun jaron,

anstataŭ proksiman, la konstruadon de militŝipoj. Por tiu celo oni elspezos ĝis la fino de l'jaro 2,000,000 ₷.

Privataj industriistoj. S-roj Brunner, Mond kaj Ko el Winnington proponis ke ĉiuj fabrikistoj laborigu siajn laboristojn unu horon pli malmulte ĉiutage, kaj la tiamaniere ne farita laboro necesigos novajn dungatojn. Ili tuj ekpraktikis tiun bonegan ideon, kaj la unuan semajnon tiuj sinjoroj estis devigataj dungi ĉirkaŭ 200 laboristojn. Bedaŭrinde, laŭ la raportoj de la ĵurnaloj, nur malmultaj industriistoj trovas tiun novan rimedon akcepteblan.

⁂ Demando kiu eble pli multe interesas la Britojn ol la unua pritraktita objekto estas la projekto de leĝo kontraŭ la vendado de alkoholaĵoj kaj pri la fermado de la plej granda nombro de l'trinkejoj. Malriĉuloj kiel riĉuloj protestas kontraŭ tiun ennovaĵo ĝin dirante maljustan kaj malliberalan; ĉiuj plendas pri la mortigo de la libereco, pri organizita ŝtelado, k. c. Sed efektive, por kelkaj la kaŭzo de tiu malkontenteco estas ke la estonta leĝo malplivalorigos la akciojn de la bier- kaj alkoholaĵaj fabrikejoj, kaj sekve malpliigos la rentojn de l'akciuloj. La malriĉuloj koleriĝas, ĉar la fermado de l'trinkejoj forprenos de ili la solajn lokojn en kiuj bedaŭrinde kvankam malfeliĉe tro ofte ili trovas iom da plezuro kaj komforto.

Sed, kial tia leĝo? Por forigi l'ebriecon aŭ almenaŭ malpliigi la nombron de l'drinkuloj, diras la registaro. Nu! tio ŝanĝos nenion je la nuna stato de l'aferoj. Estos ĉiam tiom da ebriuloj kiom ekzistis antaŭe. La bier- kaj alkoholamantoj ne aĉetos malpli da trinkaĵoj ol ordinare, sed ilin ensorbos private en sia hejmo. Cetere tio estas jam la kutimo nuntempe! Tial ke la trinkejoj estas malfermataj ĉiudimanĉe nur de la 6a ĝis la 10a aŭ la 11a, ĉiuj faras sian provizon da biero kaj viskio aŭ aliaj alkoholaĵoj sabaton vespere. Viroj kaj virinoj, eĉ tre ofte geedzoj kun siaj infanoj, eniras la „publikajn domojn" dezirante plenigi potojn kaj botelojn por la morgaŭa trinkado. Tie, ili renkontas geamikojn, alvenintajn kun la sama celo, kaj ĉiuj kune trinkas, trinkadas ĝis kiam venas la momento en kiu la vendistoj komencas mallumigi la lokon kaj laŭte sciigi pri la fermado. Nu, jus en tiu momento, la geamikoj memoras pri la celo de sia ĉeesto kaj mendas la deziratojn venenigaĵojn. La tuta forigo de trinkejoj do ne malhelpos la hontindan kutimon drinki kaj tiu tradicio ekzistos ĝis kiam oni malpermesos vendi alkoholaĵojn, k. c., ĉar eĉ se la Britoj ne havos siajn alkoholajn palacojn (gin Palaces) ili havos siajn klubojn.

Estas do kredeble ke la nune diskutata leĝo ne atingos sian celon, sed pligrandigos la nombron de la senlaboruloj, pro tio ke kelneroj kaj kelnerinoj fariĝos tute senutilaj.

P. B.

## RUMANUJO

Bukareŝto, Novembro 1908.

*Politika stato en Balkanoj; la komercaj rilatoj kun Aŭstrio; aŭtomobila kurado.*

⁂ Tra balkanaj ŝtatoj flugas rapide la dio Marto, kiu malsata je homaj vivoj instigas la Bulgarojn, admonas la Serbojn kaj la aliajn, ke ili rompu plej rapide la pacan katenon, ke ili ĉesigu iam la progreson kiu regas, kiu antaŭeniras en tiuj landoj. Kaj tiu ĉi malbona stato sentiĝas ankaŭ ĉe ni. Kiam aŭdiĝis pri la ŝtatŝanĝo en Bulgarujo, pri militaj movoj en Turkujo kaj Bulgarujo tuj ĉe ni la komerco haltis kaj se la nuboj ne estus baldaŭ foririntaj, se la ĉielo politika ne estus klariĝinta, tiu ĉi skuo certe malbonigis multe niajn aferojn. Sed feliĉe por momento, ĉar nur tiaj estas la ŝajnoj, nenio nun plu okazas. La borsaj aferoj estas samaj kiel antaŭe, la industrio neniel ĉesigis la laboron kaj inter militistaro nenia movado estas.

Sed kiel mi diris tio estas nur ŝajno; la ventego estas nur prokrastita, ĝi ne estas tute forpelita. Se nun ĉio estas tute trankvila, estas nur pro taktiko, kiam momento estos oportuna ĝi pli fortege ekblovos kaj, ho ve! la estonto estas tre malklara.

La aŭstriaj politikistoj laboradas kaŝe por havigi al si ĉiajn profitojn; ĉiuj utiloj ĉu bone aŭ ne estas havigitaj, sufiĉas se ili liveras monon kaj enspezigas rezervaĵojn por riĉaĵoj. Tia estas ĝia politiko rilate al la malgrandaj ŝtatoj, kiujn ĝin ĉirkaŭas. Tia estas ankaŭ ĝia politiko kontraŭ nia lando, kies disvendadejojn ĝi tute akaparis, kaj tial nun, kiel ankaŭ antaŭe ne volas eĉ iom cedi pri la komercaj rilatoj; ĉar aŭstria industrio bezonas disvendejojn kiujn ĝi ne povas havi okcidente ĝi returnis siajn rigardojn sur nin kaj balkanajn landojn. Ĝi profitis ankaŭ tre multe la fakton ke en Rumanujo, kiel ankaŭ en Bulgarujo, la ŝtatestroj estas germanoj kaj apogita tiel ĝi estis certa pri venko. Tion ĝi ja ne preterlasis kaj en 1882 ĝis 1892 kiam estis inter Aŭstrio kaj Rumanujo la tiel konata komerca milito kiu ne mulmulte malhelpis Aŭstrion, la influo de germanoj igis rumanan ministraron cedi al la premo de tia forto. De tiam ĝis nun la rumana eksporta komerco tre suferis kaj multaj malgrandaj industrioj malaperis, sed la plej granda malfeliĉo estas preskaŭ malaperanta kreskado de bovoj, ĉevaloj, porkoj, k. t. p., kiu estis iam tiom progresinta. Car nia eksporto limiĝas preskaŭ nur je grenoj kaj lignoj kaj nuntempe je tre malmulte da bestoj, la aŭstria terkulturista partio tre kontraŭstaras la importon de niaj bestoj kaj grenoj ĉar ili diras ke oni detruos ilian ekzistadon. Kontraŭe ili postulas de ni ĉiajn facilaĵojn pri la importigo de siaj produktaĵoj kaj industriaj fabrikaĵoj.

Tiu politiko ekonomia daŭradas kaj nun kiam estas necese la komercan konvencion renovigi la aŭstriaj politikistoj ree antaŭmetas la kondiĉon pri la malpermeso de la besta importado kaj plifaciligaĵoj por la eksportado de piedvestaj objektoj kaj aliaj fabrikaj produktaĵoj. Sed nun la metiistoj komencis moviĝi kaj per publikaj kunvenoj postulas al la registaro ke ĝi ne akceptu tiajn proponojn, kiuj efektive detruigos botistan industrion en Rumanujo kaj novnaskitan industrion metalurgian, lignan, k. t. p.

La interkonsiliĝadoj inter rumana kaj aŭstria komisioj daŭras kaj okazas en Vieno de kie ĉiutage estas atendataj novaj sciigoj pri la fino de tiu ĉi afero, kiu ĉe ni maltrankviligis la spiritojn ĝis grandaj publikaj manifestadoj kontraŭ Aŭstrio kaj ĝia politiko.

⁂ Je la 9a de novembro okazis en Rumanujo tria aŭtomobila kurado, kiu faras epokon de en la historio de aŭtomobilismo ĉe ni, ĉar por unua fojon tiom da aŭtomobiloj partoprenis kuradon.

La celo de tiu kurado estis starigo de konsumata oleo kaj benzino por la fabrikmarkoj partoprenontaj.

La rezultato estis bela kaj plenumis la esperojn. Kvankam la vetero estis akra kaj forta vento blovis senĉese; la temperaturo estis sub 0° tamen 23 aŭtomobiloj partoprenis la konkurson kiu pasis sen ia ajn granda malagrablaĵo aŭ malfeliĉo, kiel tre okazas eksterlande, kie en ĉiu aŭtomobila kurado oni bedaŭrinde vidas malfeliĉojn per morto aŭ vundiĝo de l'konkurantoj. Nur unu aŭtomobilo difektiĝis per rompiĝo de la antaŭaakso.

La kurado okazis sur granda vojo Bukareŝto-Piteŝti kaj returnon (tuta vojo 226 km.), kaj la kondiĉo de l'partopreno estis: ĉiu aŭtomobilo surportu almenaŭ 4 personojn, iliaj oleo kaj benzino estu plombofermitaj kaj ne superu rezervujoj la rapidumon starigitan por ĉiu aparta aŭtomobilo laŭ sia forto.

La aŭtomobiloj konkurintaj estis de Mercedes, Berliet, Pipe, Fiat, de Dion, Dietrich, Gobron, Rochet-Schneider, Tourand kaj Renault-aj fabrikoj. La kuradon partoprenis ankaŭ Liaj Moŝtoj la kronprinco Ferdinand kaj sia filo Karolo sed nekurinte.

La foriro estis je la 7 1/2a mateno de Bukareŝto kaj 1a posttagmeze de Piteŝti je intertempo da 5 minutoj.

Jen la markoj kiuj gajnis unuajn premiojn: 1an premion por ekonomia konsumado S-ro J. Cămărasescu aŭtomobilo *Pipe*, 80 Hp., 25 1/2 litroj da benzino po 100 Km.; 2an premion, S-ro S. Gaillac aŭtomobilo *Berliet* 60 Hp., 30,700 litroj da benzino po 100 Km. La aliaj bezonis inter 16,800 litroj po 16 Hp. ĝis 41 litroj po 60 Hp.

Tiu ĉi rezultato decidigis la Aŭtomobilan Klubon al organizado de alia pli grava en la venonta printempo. Car en tiu ĉi aŭtomobilkurado oni celis ankaŭ la regulecon de la veturado; pri tio oni ricevis tiun ĉi rezultaton: 1e *Pipe* 18 Hp.; 2e *Berliet*, 60 Hp.; 3e *Pipe* 60 Hp.; laste *Tourand*, 60 Hp. Laŭ tiuj ĉi rezultatoj oni povas facile rimarki la superecon de *Pipe* ĉu pri ekonomia konsumado da materialoj, ĉu pri reguleca veturado, tio almenaŭ sur niaj vojoj.

J. GIUGLEA.

## RUSUJO

Dorpat, Novembro 1908.

*Statistiko de mortpunoj kaj memmortigoj; pri Leo Tolstoj.*

⁂ „Anĝelo de morto" de kelkaj jaroj flugas super nia malfeliĉa patrujo. Tiu ĉi „anĝelo" estas mortpuno... Trankvile, ĉar jam ni kutimis vidi en gazetoj tiajn informojn, ĉiutage ni tralegas malvarmsange lakonikajn komunikaĵojn pri tia aŭ alia kvanto da mortpunoj en diversaj anguletoj de nia granda patrujo. Kaj kvankam la mortpuno regas en Rusujo, tamen la rabojn, atakoj kontraŭ la kasoj, la mortigoj ne ĉesas sed plimultiĝas... Tiumaniere la celo por kiu ekzistas mortpuno, ne praviĝas... Mortpuno nur malĉastigas la homojn, malakrigas la plej bonajn humanajn sentojn kaj faras el homoj bestojn... Kaj se ni ne volas tian metamorfozon ni ĉiuj devas unuanime kriegi: « For la mortpuno! For el civilizita, kultura mondo! » Kaj plej akrasentaj la grandaj homoj, kiel nia mondfama grandaĝulo verkisto Leo Tolstoj en sia artikolo: « Mi ne povas silenti », enpresita eksterlande, « kriegis », protestis kontraŭ mortpuno...

Mi donos kelkajn ciferojn pri kvanto da mortpunoj dum 1907 jaro. Mi prenas ĝin el oficiala informilo. Jenajn sciigojn mi ĉerpas de tie: dum 1907 jaro, 627 homoj estis ekzekutitaj, el ili 420 estis pendigitaj en eŝafodo kaj 207 estis dispafigitaj. Sekve, 52 homoj ĉiumonate!... Tiaj informoj estas por jaro 1907. Sed mi donos ankoraŭ informojn por unu monato de jaro 1908. Dum septembro en Rusujo (laŭ gazetaj nep enaj sciigoj) estis kondamnitaj al mortpuno 112 personoj!... Tiamaniere el superdirita vi vidas ke la mortpuno regas en nia patrujo kaj alportas al ĝi solan malbonon... Bedaŭrinde, malfeliĉa patrujo!

⁂ Priparolante tian malĝojan temon kie estas la morto, mi ankoraŭ donos statistikajn informojn pri memmortigoj en Rusujo dum periodo 1904-1907 jaroj. Informojn mi ĉerpas el rusa gazeto „Rulj" („Direktilo") kie mi trovis jenajn ciferojn. Dum 1904 jaro estis 169 memmortigoj, el ĝi 130 viroj kaj 39 virinoj, kaj dum sama jaro 258 provoj de memmortigo. La jaro 1905a alportis 215 okazojn da memmortigoj. Dum 1906 jaro, 341 memmortigoj kaj 191 provoj. Kaj dum 1907 jaro la kvanto de memmortigoj kreskis ĝis la granda cifero da 797 personoj kaj egale kreskis kvanto de provoj de memmortigo, atencis je sia vivo 331 viroj kaj 208 virinoj. Tian rapidan kreskon de memmortigoj kaj „atencoj" oni komprenigas per komuna stato de lando, tri jaroj de ekonomia krizo kaj senlaboro...

⁂ Nun kelkajn vortojn pri Leo Tolstoj. Konata artikolo de li kontraŭ mortpuno enpresita somere en la eksterlando estis sendita nuntempe senpage al redakcioj de rusaj gazetoj, iuj el ni empresis. Sed enpreso de ĝi kostis por rusa gazetaro 8,300 ₷. Tiun sumon la rusa gazetaro devis pagi al registaro en formo de monpuno!... Tion ĉi oni nomas: « Libereco de gazetaro! »

La grandaĝa verkisto, kiel oni diras, skribas alian artikolon kontraŭ mortpuno. Artikolon havas titolon: « Leĝo de l'perforto kaj leĝo de l'amo! »

⁂ La komitato por la konstruado en Peterburgo de Domo-Muzeo je nomo de grafo Leo Tolstoj publikigis raporton de oferaĵoj je konstruado de suprenomita domo-muzeo rememorigas kaj ripetas, ke ĉiuj eldonistoj, redaktoroj, apartaj personoj elsendadu du ekzemplerojn de jubileaj portretoj, de jubileaj artikoloj pri Leo Tolstoj laŭ adreso: Rusujo, Peterburgo, Ligovka d. 44 al redakcio « Minuvŝie Gody » (Pasintaj jaroj) por Domo-Muzeo je nomo de grafo Leo Nikolaewiĉ Tolstoj.

⁂ La studenta striko ĉesis.

⁂ Komenciĝis la kunsidoj de Regna Dumo. Pri ĝi ĝis alia fojo.

*Rusa Studento.*

⁂ Rusa ministro de popola instruado permesis lerni lingvon Esperanto en gimnazioj.

⁂ Moskva Esper. Societo elektis je lasta kunsido grafon Leon N. Tolstoj kiel honoran anon de societo.

## Kroniko Politika

La afero de Casablanca, kiu jam tremigis de ĝojo ĉiujn glavamantojn kaj gravajn taktikistojn, rapide forgesiĝis dank'al diplomata formulo, per kiu estis savita la « nacia honoro » de ambaŭ implikitaj regnoj. Sed ĉi tiu afero kaj, pli multe, la fama interviuvo de imperiestro Vilhelmo IIa emociis la germanan publikan opinion ĝis ankoraŭ ne konstatita grado; ĉiuj partioj energie protestis kontraŭ la absolutisma politiko, laŭ kiu unu sola persono rajtas paroli en la nomo de sepdek milionoj da homoj kaj per tiaj paroloj riskigi iliajn vivojn. Kanceliero von Bülov promesis, ke tiaj faroj jam ne reokazos kaj post sensacia renkontiĝo kun la imperiestro ĉi tiu ellasis proksimume samsignifan deklaron. Fakte, nenia ŝanĝo en la konstitucio okazis, sed, pli grave, montriĝis atentinda ŝanĝo en la publika opinio, kiu pli-malpli baldaŭ rezultos certe en tio, ke Germanujo fariĝos tute konstitucia regno. El vidpunkto tutmonda, tio estos grava garantio de paco.

Aŭstrio havis novan ministraran krizon sekve de la Bohemaj okazintaĵoj. La interna situacio tute plimalboniĝas. Dume, en Serbujo, kies esperojn de plivastiĝo nuligis la aneksado de Bosnio, la nacia ekscitiĝo pligrandiĝas. Se Eŭropo ne donas al tiu popolo la liberan elirejon, kiun postulas ĝia vivo, nome la maro, — kaj estas pli ol dube, ke ĝi povos ricevi tiun kompensaĵojn — ĝia pacienco laciĝos kaj oni povas ĉiam timi gravajn okazintaĵojn.

La konfuza stato de Eŭropo lasis nin forgesi pri Usono, kie, post la kutima kvarjara batalado, S-ro Taft estis elektita Prezidanto. Tio estas nova venko de la « respublikana » partio kaj de la jusa prezidanto Roosevelt, kies politiko estos daŭrigata.

A. R.

## La Faktoj

*5 Novembro.* — *Grenoblo.* — Morto de pentristo Hébert, 91 jara.

*Santiago de Kuba.* — Morto de generalo Palma, unua prezidanto de la Kuba Respubliko.

*6. Krimeo.* — Oni oficiale malfermas la kanalon el Kertch al Jenikalo inter Nigra kaj Azofa maroj.

*Peterburgo.* — Imperia edikto pensiumas 13 admiralojn.

*7. Romo.* — Solena inaŭguro de internacia kongreso de hotelistoj.

*Reims.* — ĉampanovina firmo, stariĝas duonjara premion da 20,000 ₷ por la aerveturanto kiu trairos plej grandan interspacon laŭ rekta linio.

*Kalkuto.* — Atenco kontraŭ Anden Fraser, guberniestro de Bengalujo. La guberniestro restis nevundita.

*8. Faenco.* — Fermo solena de la ekspozicio je honoro de Torricelli, kaj inaŭguro de monumento al generalo Pasi.

*Milano.* — Finiĝo de longa striko de la orkestranoj.

*Parizo.* — Morto de glora dramaŭtoro Viktoriano Sardou.

*9. Ganto.* — Inaŭguro de internacia kongreso de nutrado.

*10. Berlino.* — Grava diskutado ĉe Rejĥstago (deputataro) pro la enmiskiĝo de imperiestro en eksterlanda politiko de la ŝtato.

*Vieno.* — Batalado inter germanaj kaj sionistaj studentoj; multnombraj vunditoj.

*11. Parizo.* — Solena enteriĝiro de Sardou.

*Radbod* (Vestfalio). — Eksplodo de gazo en karminejo kiun oni devis superakvi por estingi la bruladon. Pereis 360 ministoj.

*13. Kairo.* — Butros Ghali Paŝo starigis novan ministraron.

*Kaneo.* — Pastraro ĵuras fidelecon al la reĝo de Grekujo.

*Londono.* — Fondo de klubo de aerveturistoj al kiu aliĝas pli ol 700 altranguloj.

El *Pekino* alvenas la sciigo de la morto de imperiestro de Ĥinujo, Kouang-Sou.

*Luksenburgo.* — Granddukino Anno-Mario estas elektita de la deputataro, reganto por la neebleco regi de grandduko Aleksandro.

*14. Parizo.* — Morto de grandduko Aleksio Alexandroviĉ, onklo de la caro.

*Berlino.* — Oni subskribis novan traktaton de la Berna interkonsento pri la rajtoj de l'aŭtoroj.

*Torino.* — Morto de pentristo Lorenco Delleani.

*Vieno.* — Starigo de nova ministraro prezidata de Bienerth.

*15-16. Torino.* — Kongreso de la Nacia Asocio pro la pejzaĝoj kaj la pentrindaj monumentoj.

*16 Casablanca.* — La franca soldataro eliris el la okupita teritorio.

*Habano.* — En la balotoj venkis liberaluloj; generalo José Miguel Gomez estis elektita prezidanto.

*Pekeno.* — Mortas imperiestrino, vidvino, Tson-Hsi.

*16. Romo.* — Grandaj festoj por la pastra jubileo de Pio Xa.

*Gedda.* — Okazis konflikto inter 2600 turkaj soldatoj kaj tribuo de Beduenoj.

*Konstantinoplo.* — Oni diras ke Turkujo konkludis militan interkonsenton kun Bulgarujo kaj Montenegro.

*Pekeno.* — Oni proklamis imperiestron Pou Yi.

*Windsor.* — Alveturo de Svedaj gereĝoj.

*18 Vieno.* — La kronprinco de Rumanujo vizitas Franciskon Jozefon.

*Katalsio* kaj *Sicilo.* — Ventegoj kun gravaj malutiloj.

*19 Romo.* — Alveturo de l'reĝo de Grekujo.

*21. Parizo.* — Kongreso internacia de la eŭropaj konfederacioj de gimnastiko.

A. TELLINI.

## Niaj enketoj

VI.

### Juĝa organizado

(Internacia Societo de la Esperantistaj Juristoj)

#### La Juĝa organizado en Usono.

La juĝa organizado de Usono estas tre interesa al fremlandanoj. La Unuigitaj ŝtatoj kiel tuto ne havas komunan leĝaron. La plej multaj el la pozitivaj leĝoj de Usono elvenas el la diversaj ŝtatoj. Kompreneble la juĝistoj estis jam akceptintaj la Anglan sistemon de la juroscienco kaj proceduro. La kaŭzo estas ke la koloniistoj de nia nacio alportis kun ili de Anglujo antaŭ la jaro 1776 kiam la dektri ŝtatoj apartenis al tiu fama nacio, la leĝosciencon de sia nacio. Tiu fakto klariĝas kial nur la Angla kaj la Usona jursistemo diferenciĝas tiel vaste de la Eŭropa juroscienco kaj proceduro kiu restas sur la Roma fundamento. Kun la escepto de la ŝtato « Louisiana » kiu restas sur la Roma sistemo, la leĝaro de Usono montras la Anglan influon. Kvankam interfluas la vasta maro, la direkto de la progresado en jurprincipoj en Usono kaj Anglujo de la jaro 1776 estis rimarkinde simila. Hodiaŭ la juĝistoj en Usono ofte kutimas citi en siaj decidoj la aljuĝojn de la fama Anglaj juĝistoj ĉar ili kovras la saman kampon. La sama respekto estas montrata de niaj juĝistoj kaj advokatoj al la principoj de la « Corpus Juris Civilis ». Speciale la juĝistoj de la Plejsupera Kortumo de Usono montras profundan konatiĝon kun la Romaj leĝoj. Oni devas ankaŭ konstati ke la proceduro de la tutnaciaj juĝejoj estas fondinta direkte de la Roma pri maraferoj, k. t. p., ĉar tiu sistemo povas nur ekzisti kiel internacia kompreniga regularo.

En Usono estas du fakoj de leĝaroj fondintaj sur nacia Konstitucio kiu estas la mezurilo de la leĝpovoj de la ŝtataro. Estas ambaŭ tutnaciaj kaj ŝtataj kortumoj, sendependaj unu el la aliaj. Ciu ŝtato havas sian propran sistemon de leĝoj. La rajto de ĉiu ŝtato estas reguli pri iaj loĝantoj, pri la terpropraĵoj, pri la landlimoj, k. t. p. En la vortoj de la fama Usona juĝisto, la „Unuigitaj ŝtatoj estas neperigebla unuigo de neperigeblaj ŝtatoj". Tial la kortumoj de Usono havantaj originalajn juroprovojn devas ĝenerale sekvi la proceduron de la ŝtato en kiu ili sidas. Nur la juropovo malsimilas en la ŝtataj kaj tutnaciaj kortumoj. La Usonaj leĝoj estas ĉiujare publigitaj kiel la leĝoj de la Nacia Kongreso. La leĝoj de la diversaj ŝtatoj estas publikigitaj aparte. La tutnaciaj kortumoj ofte estas permesataj fari regulojn pri proceduro kiuj posedas la forton kiel leĝoj. La municipaj subdividoj kaj kvartaloj ĝenerale havas la aŭtoritaton de la ŝtata leĝfarantaro fari urbleĝojn pri kelkaj aferoj. Tiuj lastaj tamen, povas nur havi forton en la lokaj juraferoj.

La Usona juĝistaro estas unu el la tri grandaj fakoj de la ĝenerala registaro. La nacia konstitucio mem provizas pro multaj kaŭzoj tuj pritraktotaj, por unu plej supera kortumo, sed al Kongreso restas la kreo de la necesaj malsuperaj juĝejoj. La organizado de la plejsupera kortumo ankaŭ restis al Kongreso. La ĉefa kaŭzo kial tutnacia juĝistaro estas necesa kun tiuj de la ŝtataj sistemoj estss ke la ŝtataj juĝistoj povas esti partiaj kaj antaŭzoigantaj en favoro de sia propraj ŝtatoj. Ofte leĝoj de Kongreso fariĝas pli severaj en kelkaj ŝtatoj ol en aliaj kaj la publikaj sentoj en la ŝtatoj sur kiuj la ŝarĝoj restas povas esti tiel forte kontraŭstarantaj ke neniu juĝisto elektita de siaj ŝtatanoj obeus la leĝojn. Sed se la juĝisto apartenus al tutnacia jursistemo kaj tiamaniere estus subtenata kaj elektita de la tuta nacio li tiam neniam timus kaj lia decido tute estus senpartia. La frua spertado de la Unuigitaj ŝtatoj montris tion. La nacia juĝistaro konsistas el tri gradoj de kortumoj, jen: la plejsupera kortumo; la „circuit" kortumoj (ĉirkaŭaj juĝejoj), kaj la „district" kortumoj. La plejsupera kortumo estas la plej alta juĝejo en la lando; ĝi estis kreita de la konstitucio mem; ĝi havas originalan juropovon en nur malmulte da procesoj. La landlimoj de Usono ne enhavante la teritoriojn estas dividitaj en naŭ „circuits" (juĝsekciegoj). La circuits estas dividataj en 56 „districts" (juĝkvartaj tutnaciaj) kaj en ĉiu sin trovas speciala juĝisto. La district dividoj neniam troviĝas sur la ŝtataj landlimoj. Ili kovras ĉiun ŝtaton aŭ parton de ĉiu ŝtato. Ambaŭ tiuj kortumoj havas orignalajn juropovojn.

Laŭ la konstitucio la naciaj juĝistoj tenas oficon dum bona konduto. En nenia alia fako de la registaro oni povas teni oficon por tiel longa tempolimo. La peno estas certigi korektan kaj senpartian administradon de la justeco igante ke la juĝistoj estu sendependaj de la procesantoj. La penado de la aŭtoroj de la konstitucio estis forigi de la juĝistoj ĉian maljustan politikan influon. Kiel kun la Prezidanto, Kongreso, kvankam ĝi mem fiksas la salajrojn de la juĝistoj, ne povas malaltigi ilin dum la ofico. La juropovo de la tutnaciaj kortumoj ne atingas ĉiun proceson sed nur tiun juropovon kion la konstitucio ordonas. La detaloj pri la juĝa organizado kiu troviĝas en la konstitucio estas regulantaj pri la juropovo de la tutnaciaj kortumoj, jen: la juropovo de la naciaj kortumoj etendas super la juraferoj, 1e regulataj de la konstitucio, la leĝoj, kaj la internaciaj traktatoj de Usono, 2e regulanta aferojn pri fremlandanoj kaj, 3e aferoj pri diversaj ŝtatoj aŭ aferoj pri loĝantoj de diversaj ŝtatoj. *(Daŭrigota).*

William E. BAFF, *advokato*,
Worcester, Mass. (U. S. A.).

★

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

### OFICIALA INFORMILO

## Grava donaco
## por la entreprenoj de U.E.A.

*S-ro Prof. Roy, nia bonega kunlaboranto, iniciatinto de « Amikejo » en Neŭtra Moresneto, kiu jus faris sukcesplenan paroladaron pri Esperanto kaj U. E. A. en Verviers, Aachen, Beyne, Henzog, Liège kaj Bruxelles, jus informis nin, ke li ricevis el riĉa germana negocisto, S-ro Schwob, la sumon da* **5000** *₷ kiel donacon. En sia letero S-ro Roy skribas al ni : « Cio, kio okazas en Amikejo, estas sub la patronado de U. E. A. Unveco estas forteco. Ni kreu, per tiu mono, novan fakon en U. E. A., nome Aerveturadan fakon.... Bonvolu enpresi en* ESPERANTO *la sekvantajn mondonacojn.*

| | |
|---|---|
| S-ro Schwob | ₷ 5.000.— |
| S-ro Roy, St-Girons | ₷ 40.— |
| S-ro Manuel Ramirez & Tochat, Madrid | ₷ 8.— |
| F-ino Manuel Ramirez | ₷ 8.— |
| S-ro Auguste Martig, Bordeaux | ₷ 10.— |
| F-ino Louise Martig, » | ₷ 4.— |
| S-ro Eugène Eujalbert, » | ₷ 2.— |
| S-ro Oswald Weber, Leipzig | ₷ 2.— |
| F-ino Elsa Sanders | ₷ 0.50 |
| S-ro J. Blankenberg, » | ₷ 10.— |
| S-ro Wilhem Hahn, » | ₷ 0.50 |
| Sumo | ₷ 5.085.— |

*Al tio aldoniĝas la produktoj de la kutimaj donacoj por U. E. A. :*

| | |
|---|---|
| 3a Listo | ₷. 229,12 |
| S-ro Stewart Sandeman, Lausanne | ₷. 10.—* |
| S-ro Linares, Cordoba | ₷. 4.— |
| S-ro Maublanc, Louhans | ₷. 0.52 |
| S-ro Privat, Genève (produktoj de paroladoj) | ₷. 41.—* |

*Entute ₷ 284,64. Sekve, kun la sumoj ricevitaj per S-ro Roy, la sumo de la donacoj ricevitaj por la diversaj entreprenoj de U. E. A. atingas ₷ 5369,64.*

*Kiel dirite en la supra artikolo de tiu numero : « Niaj Konkursoj » ni uzos la monon de la 1a listo por la celoj montritaj al ni de la donacintoj. Kvankam ni ne ankoraŭ precize konas la intencojn de la mondonacintoj, kies listo jus estis al ni sendita de S-ro Roy, ni de nun povas sciigi ke granda parto de tiuj donacoj estos uzata por organizado, post aprobo de niaj Delegitoj, de nova Fako :* **Aerveturado**, *ke fondo de premioj por aerveturantoj kiuj plenumos difinitajn kondiĉojn estos decidata, kaj la konkursoj, por almenaŭ kelkaj el tiuj premioj, estos organizataj en « Amikejo ».*

*Ĉiuj niaj membroj komprenos la gravecon de tiu por nia Asocio tre grava helpo, dank'al kiu ni povas decideme, post nur sesmonata ekzistado esperplene komenci la efektivigon de nia programo : la plifaciligo de ĉiuspecaj rilatoj inter diverslingvanoj, per Esperanto.*

*Ni certe esprimos la intiman penson de la tuta Universala Esperanto-Asocio, sendante al S-ro Schwob, al Prof. Roy kaj al ĉiuj donacintoj niajn plej sincerajn kaj ĉiamajn dankojn.*

*U. E. A.*

**Grava avizo.** — *La konstanta monoferado por la entreprenoj de U. E. A. estas daŭrigata ; ĉiuj ajn donacoj, eĉ nealtaj estos danke akceptataj. La donacontoj bonvolu konigi por kiu entrepreno ili mondonacas (Aerveturada fako, Konkursoj de U. E. A.). Ni rememorigas, ke ĉiu konkurso, kies premio estos kreata per unu donaco (10 ₷ minimume) ricevos la nomon de la donacinto. La mondonacoj sendotaj sen speciala difino estos aliĝataj de U. E. A. al unu el niaj konkursoj.*

FAKO 1a. — **Administrado.**

*Avizoj al la Delegitoj.* — La rezultato de la balotado por la komitato estos konigata en la proksima No.

⁂ La Del., kiuj dezirus varbi Subdel., bonvolu peti de ni la necesajn cirkulerojn.

⁂ Ĉiuj mendoj de membrokartoj, membrolistoj, aliĝiloj estu farataj al fako 1a.

⁂ Car la presado kaj dissendo de specialaj cirkuleroj trudas al ni tre gravan laboron kaj altajn monelspezojn, ni decidis publikigi ilin en formo de sola tipografie presata, kiu aperos de tempo al tempo, estos enmetata en « ESPERANTO » kaj sendata al ĉiuj Del. kaj Subdel., kiuj estas petataj ĝin konsideri kiel povonan cirkuleron. La proksima aperos la 15an de decembro.

*Paroladoj.* — Sukcesaj paroladoj pri U. E. A. de S-ro Privat en Liverpool, Bedford, Derby, Norwich, Newcastle, kaj de S-ro Roy en Verviers, Aachen, Liège kaj Bruxelles.

*Gazetaro.* — En la lasta tempo la jenaj gazetoj favore raportis pri U. E. A. : *Cyclists' Touring Club Gazette* (Lewis), *L'Intérêt Public, Le Petit Choletais, la Vendée Catholique, Der Fremdenverkehr* (Wien), *Narodrŭ Politika* (Praha), k.t.p. Bonega artikolo de Ed. Privat en *Amerika Esperantisto* ; la redaktoro de *Germana Esperanto-Gazeto* afable presigis konstantan anoncon pri U. E. A. kaj liston de germ. delegitoj.

*Novaj grupaliĝoj.* — De la lasta no, la jena grupoj elektis delegitojn :

*Abbeville* (Somme-Franc.). — S-ro Michel Roger (15, rue Cendré).

*Le Havre* (Franc.). — S-ro de Coninck (rue Bellevue).

*Mâcon* (Fr.).— S-ro A. Martin (10, quai du Nord).

*Sabadell* (Hispan.). — S-ro J. B. Torruella (Salud 40).

*Savannah* (Ga-Usono). — S-ino P. E. Owen (17, East Perry Str.).

La Del. de *Davos* estos de nun F-ino Herzog (Haus-Heimat).

La Del de *München* estos de nun S-ro J. Krumbach (Camerius st. 10/11).

Entute 375 lokoj kun 223 delegitoj kaj 190 subdelegitoj.

*Subdelegitoj :*

8a Listo de subdelegitoj :

*Andenne* (Belgujo). — S-ro Melin (Grande Rue, 9).

*Arkangel* (Rusujo). — S-ro E. Kolesnikof (Troitsky 124).

*Chanforgueil* (Franc.). — S-ro Perrusson.

*Corsbie* (Stokujo). — F-ino Fr. Power (Newton Stewart).

*Cotbus* (Germ.). — S-ro Fr. Schulze.

*Elizavetpol* (Kaŭkazo). — S-ro M. Krjuĉkov.

*Fay-aux-Loges* (Loiret-Franc.). — S-ro Sigot.

*Grenoble* (Fr.) — S-ro Ploussu (4, Pl. du Lycée).

*London-Norwood.* — S-ro J. Blaikie (6 Lancaster Rd).

*London-Streatham.* — S-ro Höveler (Christchurch Rd, 35).

*London-haveno.*— S-ro P. Kaliski (Walbrugh St).

*Montrose* (Skot.). — S-ro J. D. Simpson (37, Palmerston Str.).

*Posen* (Germ.). — S-ro Janas (Neue Gartenstr.).

*Piotrkow* (Rusujo). — S-ro F. Vogel (Pliskiana, 5).

*Salem* (Ohio-Usono) — S-ro W. E. Hard.

*Tarnobeczy* (Galicio-Aŭst.). — S-ro St. Kuryllo.

*Udine* (Italujo). — S-ro P. J. Bianchini (Fontanafredda de Dordenone).

*Vratza* (Bulgar.). — S-ro H. Krestanof (Pirdop).

*Vladikaukaj* (Rusujo). — S-ro Naumenko (Lorismeli Kovskaja, 16).

*Weimar* (German.). — S-ro R. Volkmann.

*York* (Anglujo). — S-ro G. Pawson (Belleville, Howard Str.).

La Subdelegitoj de *Moulin* (S-ro Genermont, 11, Sq. de la République) ; *Villemauble* (S-ro Dulaurens), kaj *Grossenhain* (S-ro Böttcher, Hermanstr. 14) fariĝas Delegitoj.

⁂

FAKO 3a. — **Konsuloj.**

⁂ *Konsuloj por Junuloj.* — S-ro F. Rockmann (14, Buckauerstr., Magdeburg) estis provizore komisiita por tiu subfako. Li treege petas ĉiujn Delegitojn, kiuj ricevis sian leteron por elekti Konsulon por Junuloj, ke ili bonvolu plej baldaŭ respondi, ĉar iliaj adresoj devas esti presigataj en la novan jarlibron ; ĝis nun ekzistas Konsuloj por Junuloj en la jenaj lokoj : *Amiens, Amsterdam, Avignon, Basel, Beaune, Béziers, Béthune, Boryslaw, Bourg, Bukarest, Burnley, Cadiz, Carcagente, Chaux-de-Fonds, Cordoba, Douai, Enguera, Eskiltuna, Firenzo, Frankfurt-al-M., Genève, Glascow, Godesberg, Goole Helsingborg, La Rochelle, Lausanne, Leith, Liverpool, Louhans, London, Magdeburg, Moskvo, Namur, Napolo, Neuchatel, Niort, Nordausen, Orléans, Palermo, Philippeville, Praha, Reims, Rotterdam, St-Etienne, St-Sebastian, Savigny, Tarancon, Tiflis, Toulon, Tours, Troyes, Tunis, Varsovio, Wien.* Entute 55.

⁂ *Konsulinoj por Virinoj.* — Novaj konsulinoj en *Bern, London, Moresnet, Nordhausen.* Entute 64.

⁂

FAKO 7a. — **Turismo.**

*Fondo de montara Esperantujo „ Eldorado ".* — Ni estas feliĉaj anonci al la Esperantistaro, ke ni sukcesis fondi taŭgegan Esperantujon en admirinda belega loko de la Svisaj Alpoj. Jam de longe *Adelboden* en Berna Oberlando estas la preferita kunvenejo de turistoj el la tuta mondo ; ĝi havas du diversajn sezonojn : dum somero ĝia temperaturo kaj aero estas treege puraj kaj sanigaj, sed la ĉefa sezono estas en vintro, kiam la tuta valo kaj la ĉirkaŭaj montoj briladas en blankeĝa vestaĵo. Tiu sezono komencas je la fino de novembro kaj daŭras ĝis meze de marto. Dum tiu tempo la plej gaja vivo regas en la bela vilaĝo. Ciuj vintraj sportoj estas ekzercataj. Vespere la vizitantoj amuziĝas per ĉiuspecaj arangoj, baloj, glaciefestoj, k. t. p. La vivokondiĉoj dum la vintro estas multe pli agrablaj en la montaro ol en ebeno, ĉar la suno ĉiutage brilas kaj la aero estas varmeta kaj fortika. Nokte la frosto ne estas tiel akra kiel aliloke.

Entute *Adelboden* estas la eldorado de ĉiuj naturamantoj. Multe da belegaj ekskursoj kaj promenadoj povas esti farataj en la ĉirkaŭaĵo, kaj Esperantistoj trovas amikan bonvenon en nia pensiono *Hagen*, la nova „ *Eldorado* " kunvenejo.

Por pli detalaj informoj sin turnu al S-ro Theodor Hopf, apotekisto, en Adelboden, subdelegito de U. E. A.

Proksiman printempon bela gvidfolio ilustrita aperos pri nia plej nova „ *Eldorado* ".

J. S.

## Delegito - Konsuloj U. E. A.

## PRAKTIKAJ INFORMOJ

### Bohemujo.

*Praha.* — Piezure ni sciigas ke redakcio de nova bohema revuo „ Zoologia gardeno " decidis atentigi sian legantaron pri la progresoj kaj sukcesoj de nia afero per speciala rubriko redaktota de B. U. E. Tiu grava revuo estas riĉege **ilustrita, lukse aranĝita kaj estas organo de ĉiuj** amikoj de naturo en bohemaj landoj, celante fondon de zoologia ĝardeno en Praha ; ĝi entenos 5 specialajn gazetojn : „ Regno de Bestoj ", faka ilustrita revuo por kulturistoj de ĉevaloj, bruto, hundoj, abeloj, kortbirdaro, kunikloj, kolomboj, birdoj, kaj por ĉasistoj, fiŝkaptistoj, bestkuracistoj kun aldono „ Bestejo " por migrantaj bestejoj. „ Regno de kreskaĵoj ", ilustrita revuo por kulturistoj de arboj, legomoj, floroj, fruktoj, lupolo kaj vinberejoj „ Vendejo " anonca praktika revuo por aĉetado kaj vendado de bestoj kaj terproduktoj. „ Libera diskutejo ", tribuno por senpaga publikiĝo de ĉiaj sciigoj de fakaj societoj. „ Bohema Lando ", amuza gazeto familia, kaj fako humora. Ĉefredaktoro de ĉiuj revuoj estas J. U. C. Karel Kukla, Praha, Smichov. — Jara abono, 7 K. (por fremdlando, 11 K., ₷ 4,60).

⁂ Unua bohem-esperanta kalendaro 1909 eliros kiel aldono al krisnaska numero de „ Zoologia ĝardeno ". Tiu ĉi kvarpaĝa surmura kalendaro estos ornamita per 4 koloraj bildoj de Majstro Panuŝka : Printempo, Somero, Aŭtuno, Vintro. — Prezo (premia) 50 hel. Mendu ĉe „ Bohema Unio Esperantista ", Praha II-342. (Fremdlande : 3 respondkuponoj).

⁂ La U. E. A. diversaj funkcioj estas starigitaj kiel sekvas :

U. E. A. Delegito : Jan Hradil, konsulo ; por *ĝeneralaj informoj* : J. Vohnout, i. r. poŝt-asistanto, ĉefa poŝtoficejo ; por *komerco & industrio* : Jan Hradil, 1274-II, U pujĉovny 9, telefono 1132 ; por *junuloj* : Vladimír Tobek, Ulice Karoliny Světlé 22-I ; por *virinoj* : S-ino Milka Hradilová, Král Vinohrady, Tablonského, 10. — *Esperanto-Oficejo* : Esp.-Kafejo „ Union ", 342-I, Ferdinandova, telefono 2957. Konstante vizitebla.

JAN HRADIL, D. U.E.A.

⁂ *Praha.*— Bohema Societo Esp eldonis 10 seriojn de artaj kaj belaj kolor. vidajkartoj de Praha. 2 peco = 0,5 ₷ ; rabato por opaj mendoj. Adreso : J. Novák, Zemská banka.

⁂ Esp.-Ofic. : 320-I Str. Karolina Světlá, & 342-I.

⁂ Esp.-firmoj : Trêma, skribmaŝinoj & kancelariaj mebloj, Praha, Jindrisšká str. 972 ; presejo Národni Politika, Václavské nám. ; librejo Ed. Weinfurter, 707-II. Vodičkova ul ; B. Vaničková, (pecialajoj korsetaj) I na Príkopé 57, (kie estas starigita nova Esp.-Ofic.) ; A. Kiowsky, (granda komerco kun porcelano), 832-II Václavské nám ; Cupík kaj Váňa (ŝtofoj) 575-I. Ovocný trh. ; librejo B. Koĉé, 325-I. Františko nábr.

⁂ Gazeto : *Bohema Esperantisto* (Ceský Esperantista) eliras regule monate. Abonprezo : 3 k. jare ; membroj de Bohema Asocio Esp. ricevas ĝin senpage. Adreso : Dr Kamaryt, VI-Albertov, Praha.

⁂ La delegito Vojtěch Kraus translogiĝis en no 320-I, str. Karolina Světlá, 21.

V. K.

### Bulgarujo.

*Pirdop.* — Post publika parolado de S-ro Krestanof, U. E. A. Subdel. malfermiĝis speciala kurso, en kiu partoprenas multaj geinstruistoj Baldaŭ okazos publika parolado pri *U. E. A. kaj ĝia utileco* kaj fondiĝos grupo.

### Danujo.

*Kopenhago.* — La 1an de oktobro S-ino Ina Funch, instruistino, komencis fari kursojn pri Esperanto por gelernantoj el la publikaj popolaj lernejoj de Kopenkago. En la kursoj, ŝia la instruado estas senpaga, partoprenas jam ĉirkaŭ 80 lernantoj, kaj S-ino Funch esperas ke inter ili troviĝos kelkaj kiuj povos aniĝi al infana turistvojaĝo tra Europo, eble kun la 5a kongreso en Barcelono kiel celo, laŭ la bonega projekto de nia fervora sveda samideano, S-ro G. H. Backman, en Helsingborg.

Fr. SKEEL-GIÖRLING, *Del. de U.E.A.*

### Francujo

*Abbeville.* — Sub la prezido de S-ro urbestro kaj la aŭspicoj de U. E. A. okazis sukcesa parolado de S-ro Privat pri Esperanto kaj U. E. A. Tuj poste fondiĝis grupo, kies ĉiuj membroj fariĝis Esperantianoj. Imitinda ekzemplo !

*Amiens.* — Parolado de S-ro Privat pri la sama temo. La lokaj gazetoj favore raportis pri U. E. A.

*Bordeaux.* — U. E. A. Esp.-Oficejo estis fondita ĉe Librejo Feret, Cours de l'Intendance. Oni parolas Esp.

*Orléans.* — Sukcesa parolado de S-ro C. Bourlet. La urbestraro decidis doni gravan helpmonon por aranĝo de kursoj.

⁂ Okazas nun jara grava ekspozicio de krizantemoj. Informoj pri ĝi laŭ peto.

*Parizo.* — La ĉiekonataj gravegaj magazenoj de „ La Samaritaine " jus eldonis bonegan gvidfolion tra Parizo kun plano de l'urbo ; tiu folio enhavas la adresojn de la kunvenoj, U. E. A.- Del. kaj Konsulejoj ; ĉe la dirita magazeno oni parolas kaj vendas Esp.

*Tours.* — Oni preparas la eldonon de Esp. gvidfolio ilustrita kaj de gvidlibreto facile eno-poŝigebla.

⁂ *Grava avizo* : Ni estas feliĉaj informi, ke post vizito al ili farita, du gravaj hotelestroj akceptis fari por Esperantianoj la samajn kondiĉojn, kiel por la Franca Turing-Klubo Iliaj nomoj estas : Hotelo Metropolo (unuaranga) kaj Hotelo du Croissant (duaranga).

### Germanujo.

*Bromberg.* — La Bromberga Esper.-Asocio enhavas ĉiujn siajn membrojn al U. E. A. Gravaj progresoj en la tuta regiono. Gvidlibro estas en preparado.

*Danzig.* — La interparoladoj kaj legaj vesperoj de la tiea Asocio trovis ĝeneralan intereson kaj vivan partoprenon. En tiu ĉi lasta, ĉeestis pli ol 100 Esperantianoj !

*Hannover.* — La esperantianoj nun kunvenas ĉiusabate en „ Kakaostube ", Ständehausstr. de la 5a ĝis 7a posttagmeze. Nova kurso por komencantoj komencis en urba komerca lernejo. La 15an de novembro kune kun la „ Esp Grupo Braunŝveig " ekskurso al la dekta lando de ĉiuj.

*Magdeburg.* — Post parolado de S-ro Dre Thalwitger, malfermiĝis kurso. S-ro Rockmann, U. E. A. Del., fondis Esp.-tablorondon en kafejo Peters, ĉiuvendrede je 9 h. 1/2 vespere. Vizitontaj Esp-istoj estos ĉiam kore akceptitaj En la tablorondo sidas ne nur la Del. de U. E. A., sed ankaŭ ĉiuj aliaj gehelpantoj. Tiamaniere ili povas bone pritrakti la U. E. A. aferon. Cetere por Magdeburgaj Esp-istoj, kiuj volas fariĝi membroj de la tablorondo, estas devo ke ili estus Esp-anoj. Oni parolas nur Esp.

F. R.

### Grekujo.

*Patras.* — La Subdel. informas la trapasontajn Esp., ke la gvidisto de la « Granda Hotel d'Angleterre » alprenis Esp. kaj parolas ĝin.

*Samos.* — La movado ĉiutage plifortiĝas. En la ĉefurbo nun estas Esp.-Oficejo, legejo kun plej diversaj Esp. jurnaloj kaj revuoj, biblioteko kaj kafejo al la dispono de la Esp-istoj, kies nombro atingas centon. Esp. kursoj lunde, merkrede kaj vendrede.

### Hispanujo

*Sabadell.* — Esp. Oficejo de « Aplech », via Masague, 55, liveras parole kaj skribe ĉiujn informojn pri Sabadell kaj hispanaj urboj. La estraro petas, de ĉiuj oficejoj, grupoj, k. c., kiuj faras samajn aŭ similajn servojn sendi al ĝi poŝtkarton por interkonatiĝo ; ankaŭ oni sendu gvidlibrojn kaj ĉiuspecajn presaĵojn.

### Italujo.

*Firenzo.* — „ La Circolo Filologico " — grava duonoficiala instituciо — decidis malfermi Esp.-kursoj ĉe sia belega loĝejo. La 23 okt. S-ro A. Dattari, U. E. A. - Del., faris paroladon pri Esper. kaj U. E. A.

### Rumanujo

*Bukareŝto.* — La 18a oktobro okazis en Bukareŝto grandaj festoj okaze de l'ekkonstruo de la koloniaj konstruajoj por blindulejo « Vatra Luminoasă Regina Elisabeta ». La neceseco de tia ejo, kie la blinduloj povas labori, sin instrui, vivadi estis tre multe sentita, ĉar estas en nia lando pli ol 20.000 blinduloj kiuj tre malfeliĉe vivadas. La blindulejo « Vatra Luminoasă » entenas nun 130 blindulojn kun iliaj familioj kaj ĉiuj laboras por gajni ĉion necesan por la vivo. Tie oni laboras segojn, ŝuojn, tolaĵojn, brosojn, ŝnurojn, k. a. La blinduloj havas ankaŭ la muzikon tiel preskaŭ 20 el ili fondis orkestron, kie ne mankas violo, violono, fluto, k. t. p. Niaj blinduloj sam-anoj Tudor kaj Pirlivie tiel bone ludas violonon, ke ŝia Moŝto la Reĝino aŭdinte ilin ekploris, ĉar tio ĉi estis por ŝi nekonata. Tiuj ĉi du blinduloj ludis violonon en koncerto organizita por la profito de la estonta blindulejo. La aŭdintaro estis tre kortuŝita pro tio, ke neniu povis imagi, ke blinduloj povus tiel mirinde ludi tian delikatan muzikilon. En tiu ĉi blindulejo S-ro D-ro G. Robin, prezidanto de la R. E. S. instruas Esperanton de februaro 1907 kun la permeso de ŝia Moŝto la Reĝino kaj okaze de la enmasoniĝo de la fonda papero S-ro Robin estis alvokita de ŝia Moŝto la Reĝino por frapi per martelo la fundamentan ŝtonon.

Post la festo, kiam oni disdonis la medalojn por la honorajn atestoj ŝia Moŝto alparolis S-ron D-ron Robin per la vortoj : « Mi dankas vin por la bono alportata de vi al miaj blinduloj per via peno instrui al ili Esperanton, pri kiu mi vidas ke ĝi ĉiutage almilitas la mondon. »

Ŝia Moŝto rimarkis ke en la revuoj, kiujn legas ŝi legis pri la disvastiĝo de Esperanto kaj tre multe ĝuas ke la blinduloj povas tiapere interkomunikiĝi kun aliaj suferantaj fratoj.

En la programo de la koncerto kaj prezentado figuris ankaŭ Esperanto en teatraĵo.

J. G., Del.

### Rusujo.

*Tiflis.* — Krom konstantaj Esp. kursoj en gimnazio, Esp. estis enkondukita en la komercan lernejon kaj librotenistajn kursojn.

⁂ En la rusa oficiala polica organo « Vjestnik Policii » aperis artikoloj favoraj al Esp. kaj instrua fako por policanoj.

### Svisujo

*Adelboden.* — Oni projektas la starigon de monta Esp.-Kolonio sub la aŭspicoj de U. E. A.

*Davos.* — La Del. estos de nun F-ino Herzog, Haus-Heimat. Esp.-Of. ĉe S-ro Matthi. Samideanoj estas kore invitataj al tiu fama vintrorestadejo. Sanatorioj, hoteloj, k. t. p.

*Genève.* — La kunvenoj de la Geneva Esp. Grupo (aliĝinta al U. E. A.) okazas ĉiujaŭde, 3, rue Général-Dufour (proks. Esp.-Of.). La trapasantoj estas kore invitataj Je ĉiu kunveno, parolado en Esp. pri neesp temo. Lastan monaton, okazis inter aliaj paroladoj : S. Hodler pri la Dresdena Kongreso kaj R. de Saussure pri Aerveturado (personaj impresoj el la vojaĝo al Le Mans).

⁂ Parolado de H. Hodler, ĉe « Union des Femmes » pri U. E. A. kaj ĝia utileco por virinoj kaj junuloj vojaĝantaj.

⁂ Esp.-Oficejo, 8, rue Bovy-Lysberg, malfermata 9 h. — 12 h, 2 h. — 5 h. Magazenoj : r. du Mont. Blanc, 24 ; r. Corraterie, 14.

*Lausanne.* — Sub la aŭspicoj de U. E. A. kaj de la tiea grupo, sukcesa publika parolado de S-ro Privat pri Esperanto kaj U. E. A. S-ro Hodler Esp. paroladis pri ĉi tiu lasta.

*Zürich.* — Parolado de S-ro Privat pri la *praktika signifo de Esperanto kaj U.E.A.* antaŭ granda ĉeestantaro. Ciuj gazetoj favore raportis pris U. E. A.

## PERESPERANTAJ SOCIETOJ

**Federacio de Burgonio.** — En la cirkulero sendita al la grupoj bonvolu legi ĉe la paragrafo 8a : « ĉu vi konsentos pagi *dekvin* centimojn (anstataŭ kvin centimojn).

Oni sciigas al ni la baldaŭan naskiĝon de du novaj Burgonjaj grupoj en Cluny kaj Tournus.

LA SEKRETARIO.

**Esperanta Psikistaro.**

Internacia Unuiĝo por Psikismo studado per " Esperanto " *pri Spiritismo, Hipnotismo, Magnetismo, Telepatio,* k.t.p., k.t.p.

—( sub la honora prezido de S-ro E. BOIRAC )—

Kotikajo *laŭvola*, almenaŭ 1 ₷ jare.

Sendu vian aliĝon al la Delegitoj :

J. C. Chaigneau, Parizo ;
Karlo Schriewer, Amikejo ;
**Aug. Stas, r. St-Antoine, 25, *Antverpeno* (Belg.).**

FELIETONO DE " ESPERANTO " 10

# LA PATRINO

de **Ernst ZAHN**

(trad. J. Ŝmid, Bern).

La vetero ne estas bona. Vespere vento leviĝas, kies forto kreskas ĉiun horon. Unufoje ĝi blovegas antaŭ la fenestroj kaj supren muĝas la valon tiel, ke ŝajnas kvazaŭ krianta lupo malaperas inter la montaj deklivoj. Poste denove kun sovaĝa ekpuŝego ĝi jetegas sin kontraŭ la domon kaj la muroj pro tio kraksas kaj ektremas. Sed la vento ne malhelpas la pacon de la maljunaj. Kontraŭe ĝi memorigas Tobias, kiu pasia estas ĉasisto, pri la aŭtuno kaj la baldaŭa malfermo de la ĉasado. Dum momento li retrovas la bonhumoron, diras ke la ĉaspermeso estas pli malkara ol aliaj jaroj, kaj amrigardas la dutuban pafilon ĉiam ŝargite starantan en la ĉambra angulo, ĉar nokte la vulpoj kaj alia bestaro ŝteliras ĉirkaŭ la domo. La en li ree ekvivanta ĉasfervoro forpelas dum momento lian premegecon kaj dum li plenigas la pipon kaj interparolas kun Balbino, iom da tiu agrableco revenas en la stubon, kiu longan tempon tie regadis antaŭ la alveno de Georg.

Sss! Denove la vento blovegas! Ekbruo sekvas la puŝon.

« La vento jus malfermegis la dompordon », diras Balbino kaj ekstaras. Sed subite la stuba pordo perforte malfermiĝas kaj kvazaŭ pelata de ventego Lene eniras.

« Kio, kio? » diras Balbino.

Lene estas mortpala kaj tamen ŝvito brilas sur ŝia ronda vizaĝo. El la harligoj, kiujn ŝi portas ĉirkaŭ la kapo, multe da malobeemaj haroj eltiriĝis kaj nun ĉirkaŭas ŝian vizaĝon ĉiuflanke. Per tri paŝoj ŝi estas ĉe la avino, kies brakon ŝi ekkaptas per tremantaj manoj. « Li... li venas... la kuzo!... ; ĝis Estmatt li persekutis min! Hejmenvenigi li volis min! »

« Ĉu Georg? » demandas Balbino.

Lene nek aŭdas nek vidas pro timego. « Li minacis la kuzinon! Pro tio mi tien ĉi kuris », ŝi rakontas kun senspira rapidego.

« Kion mi faru? Kien mi iru? » ŝi ree demandas.

Balbino ŝin ŝovas flanken, eliras kaj ŝlosas la dompordon. Kiam ŝi revenas, ŝia trankvila, forta vizaĝo estas tiel pala kiel tiu de Lene, kaj ŝia granda nazo montriĝas strange pinta.

« Li estas ebria », Lene ree elpuŝas kompletigante sian rakonton.

Tobias ekstaris kaj malkviete kaj sendecide faras kelkajn paŝojn foren kaj alen.

« Eniru tien! » Balbino diras al la knabino kaj montras al la ĉambro apud la stubo, kie Lene hieraŭ dormas; kaj kiam la knabino estas enirinta, ŝi ŝlosas la pordon kaj eltiras la ŝlosilon. Poste ili restadas aŭskultanti, ambaŭ, Tobias kaj Balbino.

« Li eĉ estus kapabla perforte trabati la pordon », diras la patro. Lia voĉo estas necerta.

La edzino ne respondas, la brakon apogitan sur la tablon, ŝi staradas kun kapo antaŭen klinita kaj ĉiam ŝajnas aŭskulti.

« Eble estus pli bone mi alvokus la ĝendarmon », la edzo ree komencas.

« Se vi renkontus lin sur vojo — la filon ». Donante tiun ĉi respondon, Balbino ne moviĝas, ĉiam egalmaniere klinita, sed tamen alta, ĉar ŝi staras ĉe la tablo en sia nigra vesto, kun la blanka kapo kaj la nigraj kuntiritaj brovoj. Nun ŝi ektremetas iomete. Ekstere la ĝardenpordo knaris. Sed eble estis la vento, kiu jus preterpasis.

« Jen li », diras la edzo.

Ekstere iu premas la serurtenilon de l'dompordo.

Balbino staradas kiel antaŭe. Malkviete Tobias ekprenas unu barbpinton, poste la alian. « Ĉu tia ne estas mizerulo, tia? » li murmuras en sin.

La alveninto skuigas la seruron. « Malfermu! » Nun li batas per la ŝuo kontraŭ la pordon.

Balbino malfermas fenestron. Tiun ĉi nokton oni ne plu malfermos. Estu prudenta! Dormu en la gasteje! »

« Malfermu aŭ ne! » ekstere kriegas Georg. Ree lia peza ŝuo jetiĝas kontraŭ la pordon, poste ŝajnas kvazaŭ li jetas sin per sia tuta korpo kontraŭ ĝin. La hokoj ekkrakas, jam ligno frakasiĝas.

« Tiun ĉi pordon li facile disrompos », la patro diras kun mallonga, duonlaŭta sono.

Balbino eliras kaj malfermas. Preskaŭ estas kvazaŭ ŝi plikreskis; ŝi tiel posteniĝas ĉe la pordo ke ŝi malfermas lian vojon. « Ne faru nin ĉiujn malfeliĉaj, vi », ŝi diras mallonge kaj certige.

Georg, granda kaj forta, kiel li estas, ŝovas ŝin flanken; ŝi eksentas lian spiron, kiu vaporifas pro vino. Pro vino la tuta homo vaporifas. Kiam ŝi, dense post li, eniras la ĉambron, ŝi vidas kiel lia vizaĝo estas varmega. Haroj kaj lipharoj brilas malsekete, en la okuloj brulas avido.

« Ĉu ŝi venis hejmen? » li demandas kaj tuj alpaŝas la pordon de l'apudĉambro.

« Ho, ho, jen ŝi estas », li diras trovinte ĝin ŝlosita.

De unu flanko Tobias, de l'alia Balbino venas inter lin kaj la pordo.

« Pro dio, iru for de tie ĉi », diras la patro. Balbino posten almetis la manojn al la pordfosto kaj rigardos en la vizaĝon de l'filo. Estas la sama rigardo, per kiu ŝi en lasta tempo jam ofte rigardis lin. Estas kvazaŭ ŝi la maldika, maldelikata vizaĝo suprenkreskas ĉe sia pordforto.

Dum momento Georg ŝajnas kvazaŭ bovo kiu preparas ekpuŝegon; ĉiuj pasioj brilegas el lia vizaĝo. « Lasu min eniri », li murmuras nun.

*(Daŭrigota).*

Pres. Ch. Zœllner, Genève